# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l .
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.9/10 Septembro-Oktobro 1926 3.jaro.

## L A S T A A L V O K O.

Nur malmultaj membroj agis laŭ niaj diversaj alvokoj. Tial bedaŭrinde ĉiam kaj ĉiam denove ni devas memorigi kaj admoni. Kaj tamen estas tiom simpla, komprenebla, logika afero, ke oni havas la moralan devon pagi por tio, kion oni ricevas, eĉ tiom pli, se oni mendis g'in, do ankaŭ, se oni alig'is al unuig'o! Nur malmultaj estis tiel honestaj, ke ili resendis la gazeton aŭ sciigis, ke ili ne plu deziras esti membroj. La ceteraj nepagintoj tute seng'ene akceptas g'in daŭre, lasante la pagadon al la honestuloj. Komprenehle tio nun devas ĉesi, kaj jam post tiu ĉi eldono.

En sia kunsido de la 2.9.26. la estraro priparolis la malbonan financan staton de nia klubo. Malgraŭ la ripetitaj admonoj nur ĉ. 10% de niaj anoj pagis sian kotizaĵon por 1926. La sekvo estas, ke la eldonado de nia gazeto estas grave endang'erigita. Ĉiuj estraranoj dum la lastaj monatoj finance subtenis la klubon esperante, ke la anoj pagos, se oni lasos al ili la necesan tempon.

Tamen ni nun konstatas, ke tiu faciligo de la plej multaj anoj tute ne estas rekonita. Malgraŭ tio ni nun lastafoje alvokas la nepagintojn, ke ili BONVOLU TUJ PAGI AL LA PREZIDANTO sian kotizaĵon por 1926. Oni povas pagi ankaŭ poparte per alsendo de internaciaj respondkuponoj. Eĉ la plej malgranda sumo estas bonvena. Ni tre esperas, ke la nepagintoj nun tuj pagos almenaŭ parton de sia ŝuldo.

Krome ne lacig'u en varbado! La estraro.

# LA REVIVIĜO DE ANTIKVAJ MARKBILDOJ.

La antikvaj klasikaj markoj kun siaj grandaj belecaj valoroj tiel ofte estas prezentitaj kiel modelo, ke g'i nur estus necese alporti imitaĵojn de ili, kaj kie tio povis esti pli favore ol okaze de la jubileo mem de tiuj-ĉi markoj?

Sur la markgazetoj oni povis legi, ke Brasilo jam volis profiti je tiu okazo por konstrui monumenton al siaj famaj unuaj ciferaj markoj prezentante imititan desegnon. La sciigo ne ŝajnis esti g'usta, eble aliaj kaŭzoj malebligis la efektig'on, ĉar imitaĵo de la antikvaj belaj „bovokuloj" ne aperis.

En markokovertoj kaj nur serie per la poŝtministraro en „forsendado" eldonitan faris Belgujo je la unua de Junio 1925 malfrue la memorigeldonon okaze de la markjubileo 1849/1924. En la transversformaj markoj la bildo de Wiener, reprezante Leopold I, konata je epoletoj denove reviviĝ'is. En la „Albert"-bildo, kiun Montenez dekstre apuden estas metinta, ni vidas, kiel nobla estas la portreta kompreno de Wiener sur la unua belga marko. Rilate al la estetiko la duoblaj bildmarkoj estas majstra laboro. La kreado de Montenez estas sufiĉe originala por ne esti kopio.

Je la novaj bulgaraj serioj la leona modelo sur la 10 kaj 15 „Stotinki" similas la antikvajn leonmarkojn. Tie-ĉi kiel tie eĉ la subpreso, la arta laboro de la bulgara ŝtata presado, havas certan similecon rilate al la „Petersburg"-a ŝtata presado en la jaro 1879 kiam g'i presis la unuajn bulgarajn markojn.

Danujo festis je la unua de Aprilo sian markjubileon per imito de la blazona modelo sur la kvar kaj per la cifra desegno sur la du „Skilling" markoj. Tie - ĉi nura kopio, kiu per la

preso kaj la nova altortangulo anstataŭ la antikva komforta kvadrato, tiel moderne, ke multe da memoro perdiĝ'as.

Ankaŭ Francujo kopiis sian antikvan 5 „Frankoj" markon kun la simbolo de paĉo kaj komerco, por aperigi ĝ'in kiel memormarko je la antaŭajara „Paris"-a ekspozicio. Tion oni faras por la ekspozicio kaj la markkolektantoj, ĉar sen ĝ'i, ĝ'i estus farinta deficiton.

Svisujo similigis la frankvalorojn en la jaro 1924 kiel la antikva „Rayon"-marko. La desegno de Salzmann de la svisa blazona ŝildo super montpinto, ĉirkaŭata de dikaj nuboj, ne similas la simplan silentan formaĵon de tiu. La tri koloroj plialtigas la malkvieton. Ne restas pli multe ol la harmonio de la ideo.

Plej frapante el ĉiuj imitaĵoj efikiĝ'is la 4 „Pence" de suda Afriko, aperinta je la unua de Januaro de ĉi-tiu jaro, similaĵo de la antikva Kaptriangulo. Jen la kopio estas frapanta, ĉar envicigi trancitan markon en serion de dentaj markoj, pro tio la artisto plej multe mokus, kiu desegnis la antikvan kapalegorion tiel ne praktike triangule, sed por tio des pli bele.



FALSAJ GERMANAJ KOLONIAJ MARKOJ.

En San Remo bonfaritaj falsaĵoj de la germanaj koloniaj markoj je ŝiptipo per Panelli Angelo kiel „postpreso", stampite kaj ne stampite estas vendataj; kaj precipe la pli malgrandaj valoroj de 3-80 Pfg. En lasta tempo ankaŭ multfoje la malgrandaj valoroj de la nordgermana poŝtdistrikto estis aliigitaj per bona pentrado de la stampo Konstantinopel sur ne stampitaj markoj kiel maloftaj pioniroj. La denovo de tiuj-ĉi falsiĝ'aĵoj ŝajnas reiri je persono, kiu ankaŭ alie en filatelistaj aferoj estas malbonfama.

## BONFARECAJ MARKOJ POR LA MAROKKO-BATALINTOJ.

La aperintaj hisp. markoj kun diversaj vidaĵoj laŭdire, kiel Champion sciigis, post la eldono estos surpresataj je profito de la vunditoj en la milito kun la „Rifkabiloj" kaj estos vendataj plipreze.

La eldono estos 30ooo serioj.

## MULTLINGVAJ POŜTKARTOJ.

La rusa mondpoŝtkarto je 7 Kop. aperis grandformato kun ok diversaj lingvoj: krom en franca, la lingvo de la monapoŝtunuig'o kaj la internacia helplingvo Esperanto, kiun eldonis Rusujo antaŭnelonge ĉe la Popoffmarkoj unuafoje sur poŝtmarko en rusa, blankrusa, ukrajna, georga, armena kaj turka lingvoj.

## NOVAJ MEMBROJ.

Britujo:

332. Southport, Lancester Road 38, sinjoro W. H. Highan, – c,k,l.

Svedujo:

333. Särna, Box 26, sinjoro M. W. Ohlsson.

---



---

Abonprezo: unu jaro 1 U.S. Dolaro.

Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S. Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝanĝ'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.

Fino de la akcepto de la anoncoj ĉiufoje la 20a de monato.